



**Tempo**

ZAGREB 1985-10-08
broj/numero 25 k 26
godina/jaro VI
primjeraka/ekzempleroj 1800

osnivač i izdavač / fondinto kaj eldoninto
**Savez za esperanto Hrvatske**
**Kroatia Esperanto-Ligo**

savjet glasila / konsilantaro
Ljerka Begić, Josip Brkanac (predsjednik/prezidanto), Dalibor Kudumija, Nikola Rašić, Tea Ružić, Slavko Šimunić, Ivica Špoljarec

glavni, odgovorni, grafički i tehnički urednik
čefa, respondeca, grafika kaj teknika redaktoro
**Ivica Špoljarec**

uredništvo / redakcio
Dalibor Kudumija, Nikola Rašić, Judita Rey, Tea Ružić, Ivica Špoljarec, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar

slaganje i tisak / kompostis kaj presis
**Internacia Kultura Servo**
Međunarodni centar za usluge u kulturi
Zagreb, Amruševa 5/I

adresa redakcije / redakcia adreso
**Savez za esperanto Hrvatske**
**„Tempo"**
YU-41000 Zagreb, Amruševa 5/I
tel. (041) 424-660

izlazi tromjesečno / aperas 4-foje jare

cijena 1 primjerka / prezo de 1 ekzemp.
**50.- din.**

godišnja pretplata / jarabono
**200.- din.**

„Tempo primaju svi članovi SEH-a s uplaćenim članarinama za tekuću godinu.

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvijetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 4. 1980. godine, glasilo Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođeno je poreza na promet proizvoda.





## SVJETSKI SAVEZ ESPERANTSKE OMLADINE

# tejo

## (TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO)

Esperantski se pokret od svog nastanka razvijao uglavnom zahvaljujući radu mladih ljudi. Počevši od dr. Zamenhofa, koji je cijeli projekt međunarodnog jezika načinio i domislio u svojoj mladosti (u vrijeme izdavanja prvog udžbenika esperanta 1887. godine on je imao 28 godina), pa do Hectora Hodlera koji je 1908, u svojoj 19 godini osnovao Svjetski esperantski savez ili Edmonda Privata koji je 1907. kao 18-godišnjak načinio značajno propagandno putovanje po SAD-u.

Kao posebna starosna struktura u okviru pokreta mladi se po prvi puta organiziraju 1920. godine kao Svjetsko udruženje mladih esperantista (TEJA – Tutmonda Esperantista Junulara Asocio). No ono nije imalo posebnog uspjeha. 1938. godine na inicijativu obitelji Veenendaal održan je u Groetu, Nizozemska, prvi međunarodni susret omladine (Internacia Junulara Kunveno) kojem je prisustvovalo 200 mladih ljudi iz desetak zemalja. Na tom su skupu mladi osnovali Svjetsku omladinsku organizaciju (TJO – Tutmonda Junular-Organizo). Njen je rad zakočio drugi svjetski rat. 1941. godine nacisti su konfiscirali svu imovinu organizacije u Nizozemskoj.

1947. godine TJO postaje jedno od stručnih udruženja Svjetskog saveza esperantista (UEA – Universala Esperanto-Asocio).

Od 1948. godine, održavanjem 3. IJK (Međunarodnog omladinskog kongresa) u Velikoj Britaniji, nastajala je sve do danas serija godišnjih omladinskih kongresa. Poslijeratni period karakterizira organizaciona i financijska kriza organizacije. 1952. TJO mijenja naziv, pa se od tada zove Svjetska esperantska omladinska organizacija (TEJO ), a 1956. godine UEA prihvaća prijedlog TEJO-a da TEJO postane omladinska sekcija samog Svjetskog saveza esperantista, tako





da je mladima omogućena povoljnija članarina, a svi članovi UEA mladi od 26 godina automatski su članovi TEJO-a. Od tada ujedno i počinje bolja međusobna suradnja, a i brži rast omladinske organizacije.

1960. godine prestaje unutrašnja reorganizacija TEJO-a i on od tada glavnu pažnju posvećuje drugim stvarima i uspostavlja suradnju s mnoštvom drugih omladinskih organizacija. Godinu 1963. UEA i TEJO su proglasili „Godinom omladine u esperantskom pokretu", što je pridonijelo većem interesu za rad TEJO-a, povećanju članstva te iniciranju kulturne revije za mlade „Kontakto", koja izlazi i danas. U godinama koje su slijedile aktivnost je bila usmjerena na stalnu suradnju s ostalim esperantskim omladinskim organizacijama u cilju osvjetljavanja jezičnog problema i razmjenu iskustava, poboljšana je kvalitета i stručnost rada, pokrenuti seminari (prvi je održan u rujnu 1965. u Ljubljani).



1966. je bila jedna od burnijih godina za TEJO, jer se te godine suočio s najvećim financijskim deficitom, održan je kongres u Mađarskoj (Pecs) s najvećim brojem sudionika, 900, a te se godine rodio i „Programo Pasporto" iz kojeg je nekoliko godina kasnije nastao „Pasporta Servo" kao pomoć mladim ljudima željnim putovanja, neposredne razmjene iskustava i sklapanja prijateljstava. U istom periodu TEJO je postao i dopisni član Komisije za Međunarodnu volontersku službu pri UNESCO-u.

Društvena zbivanja iz 1968. godine nisu mimoišla TEJO, što se posebno vidjelo iz Deklaracije 25. IJK, održanog u Tyresou, Švedska, u kojoj se između ostalog kaže: „... Jezik je realnost usko vezana uz društvene i političke fenomene. Zbog toga svaka aktivnost vezana s jezičnim problemima je istovremeno i društvena aktivnost. ... Djelovanje TEJO-a će se ubuduće temeljiti na nizu aktivnosti čiji je cilj proširenje značaja i uloge pojedinca (individue) u društvenom i tehnološkom razvoju. TEJO će te aktivnosti provoditi kao organizacija koja radi na otklanjanju svake zloupotrebe jezika u svrhu ekonomskog, kulturnog ili političkog potčinjavanja ...".

Ovakav novi pogled na ulogu esperanta kao jezika i kao pokreta podstakao je nove inicijative i novi pristup organizaciji omladinskih kongresa.

Krajem sedamdesetih godina otvorile su se mnoge nove aktivnosti i mogućnosti. Istaknutu ulogu unutar TEJO-a još i danas ima Komisija za vanjske odnose (KER) koja predstavlja mlade esperantiste na desetak međunarodnih skupova svake godine, a učvrstila je položaj i suradnju s nizom drugih omladinskih i drugih međunarodnih organizacija, kao što su Svjetska federacija demokratske omladine, Međunarodno udruženje studenata itd. Posebno je značajna suradnja KER-a, odnosno TEJO-a s Evropskim omladinskim centrom u Strasbourgu, Francuska, s kojim se već niz godina održavaju zajednički seminari o društvenim temama, te prisustvo i suradnja s Ujedinjenim narodima u Beču i New Yorku.

1980. godine je za vrijeme kongresa u Raumi, Finska, sastavljen Manifest u kojem je izražena kritika općim tendencijama sadašnjeg esperantskog pokreta i naglašeni ciljevi mladih u kojima se kaže: „... Uvjereni smo da je prvo stoljeće esperanta dokazalo pogodnost jezika da izrazi sve i sredinom 80-tih godina, na početku drugog stoljeća trebamo pokazati svijetu da nešto možemo i reći — nešto u kulturi originalno i u međunarodnim razmjerima vrijedno.". Zbog svega toga omladinski esperantski pokret, koji danas čini oko 25% članstva UEA nije samo budućnost nego i sadašnjost esperantskog pokreta.

1983. godine djelovanje TEJO-a je još više pjačano, što se očituje u češćem ritmu objavljivanja „Kontakta", iniciranju informativnog biltena „TEJO tutmonde", čiji je cilj bolja međusobna informiranost i suradnja pojedinih zemaljskih sekcija TEJO-a i već postojećeg „Koncize" za evropske razmjere, a posebno je značajan „NNN" na nacionalnim jezicima, namijenjen drugim omladinskim organizacijama.

Posebno snažan impuls TEJO je dobio proglašenjem Međunarodne godine omladine — 1985. — što je otvorilo niz novih kontakata i mogućnosti suradnje.

TEJO u svom sastavu objedinjuje 25 omladinskih esperantskih udruženja pojedinih zemalja, među kojima je i Savez esperantske omladine Jugoslavije (JEJA, V. Pelagića 8/I, 71000 Sarajevo), te niz ostalih omladinskih organizacija ili grupa u još 32 zemlje.

Ivica Špoljarec



Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO)
Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; ☎ (010) 36 15 39;






国际青年年
1985



Международный год
молодежи
1985



السنة الدولية للشباب
١٩٨٥

## LA ĜUSTA DIAGNOZO

En la lasta tempo ni travivas la tendencon de la detala sociologia analizo de la socia grupo kiu sin nomas Esperanto-movado. Evidentiĝis jam delonge ke stabliĝis ia socia fenomeno simila al pseŭdo-nacio karakterizata de la komuna lingvo kaj komuna ideologia bazo. Tamen la Movado neniam antaŭe agnoskis ke temas pri fermita socia sistemo, ĉar tio principe kontraŭis la fundamentan celon de Esperanto – disvastiĝi kaj esti malfermita al ĉiuj. Nur laste, ekde Rauma TEJO-kongreso (1980) kaj postaj konsultiĝoj en Varsovio, oni malferme postulas la agnoskon de aŭtoktona E-komunumo, socia grupo kun siaj internaj leĝoj kaj konduto. Unuflanke – verkistoj postulas agnoskon por sia verklaboro en la sfero de „Esperanto-nacio" dum aliflanke sociologoj trovas tiun komunumon interesa por sociologiaj esploroj.

Kaj efektive ili diras la veron. La veron kiu bedaŭrinde detruas nian iluzion pri la graveco de E-Movado.

Kio estas efektive la ideologia bazo de tiu ĉi socia grupo kiu ĝin tiel firme kuntenas kaj kiu ĝin konstituis? Oni parolas jam ekde la unuaj tagoj pri la t.n. „Interna ideo" sub kio oni komprenis ian idealismon, ian subkomprenatan kromcelon al kiu strebas la esperantistaro – ian rolon de Esperanto en la porpaca batalo, ian internacian fratecon kiun Esperanto peros al la mondo.

Tamen la realeco estas multe pli proza ol tiu ĉi idealisma kredo de junuloj kiuj la unuan fojon spertas la miraklon de la plurnacia interkompreniĝado.

La ĉefa kaj evidente preslaŭ la eksplicita mekanismo kiu konstituas la nunan E-komunumon estas la mediokriteta (mezkapablula) strebo al socia povo.

Tio signifas ke la potencon en la E-komunumo komplete transprenis la mezkapabluloj kaj ne deziras ke Esperanto fariĝu la monda lingvo, ĉar ekster la malgranda rondo ili ne povas havi ian ajn signifon.

Nuntempe la Komunumon efektive konsistigas tiu grupo de esperantistoj kiuj regule pagas kotizojn, kongresas kaj legas iun el la oficialaj gazetoj. Kaj ili ne estas unuecaj – eĉ kontraŭe, ili forte interbatalas pro la deziro esti potenculoj. Ekzistas, sekve, pluraj sendependaj internaciaj E-organizaĵoj: UEA, SAT, NEM, MEM ... Sed ankaŭ interne de ili troviĝas plurdeko da internaciaj organizaĵoj (IFEF, LIBE, ILEI ...). Se oni kalkulas ke la aktiva esperantistaro estas tiu kiu kolektiĝas en la someraj kongresoj, sekve tiuj 2-4.000 de UEA, 200-400 de SAT, 50-100 de NEM, 500 de IFEF, 200 de ILEI-membroj (inter kiuj multaj aperas en pluraj el ili), ni povas nombri ke la forta kerno de tiu „popolo" estas ne pli ol 10.000 personoj. Se ni nombras ke ekzistas pli ol 100 diversaj „internaciaj", „universalaj", „tutmondaj" E-societoj, kaj kvindeko de naciaj, kiuj enhavas ankaŭ plurajn (eble dekojn) da subsekcioj, eblas facile kalkuli, ke pres-

kaŭ ĉiu el tiuj E-komunumanoj havas iun gravan „internacian" aŭ „landan" funkcion. Se vi iras al UKoj, vi baldaŭ facile konvinkiĝas pri tio, ke la amaseco en ili ekzistas dank' al la tre ruza mekanismo, en kiu la UKoj dividiĝas je multaj subsekcioj, tiel ke ĉiu el la ĉeestantoj povas trovi lokon kie lia mediokritata opinio estos serioze prikonsiderata. Homaranistoj, oomotanoj, bahaanoj, amnestiuloj, etnistoj, filatelistoj, vojaĝemuloj, instruemuloj, IKU-membroj, ktp. ... ĉiuj trovas almenaŭ kelkajn samideanojn, kaj elektas prezidantojn kaj sekretariojn de siaj gravaj asocioj internaciaj.

SAT-anoj en siaj pluraj subfrakcioj tute same agas, ĉiuj kredas sin gravaj kontribuantoj al la solvo de mondaj politikaj problemoj.

Kaj tial tute ne estas mirinde ke en aranĝoj en kiuj ankaŭ Esperanto estas oficiala lingvo, sed kie oni ne antaŭvidas ian eblecon por la mediokritatoj „esperantistoj" ne aperas.

PIF, la sola publika kultura aranĝo en la mondo, kun enhavo kvalita, plej altranga, estimata de la jugoslavaj instancoj, kaj financata, konsumata de neesperantista ĝenerala teatra publiko, tamen en Esperanto – sekve la plej kvalita kultura aranĝo en Esperanto – dum siaj 18 jaroj estis vizitita de nur kelkdeko da eksterlandaj esperantistoj kaj same tiel de nur kelkaj jugoslavaj. PIF fariĝis la plej granda teatra aranĝo en Kroatio, unu el la plej estimataj kun enorme pozitiva reago de ĉiuj publikaj kroatiaj rimedoj, kun laŭdegoj al Esperanto kaj tiuj esperantistoj kiuj ĝin organizas, kun 20.000 spektantoj ĉiujare – tamen sen ajna intereso flanke de esperantistoj.

En PIF oni ne agnoskas la rolon de sekretarioj kaj prezidantoj en internaciaj, tutmondaj organizaĵoj de esperantistoj, ĉi tie oni ne disponigas ĉambron por babilado pri mondaj problemoj de esperantistaj veteranoj. Ĉi tie diskutas efektivaj fakuloj pri la arto, kaj ilin helpas kvalifikitaj E-tradukistoj, konantoj de la koncerna fako (pupteatro). Ĉi tie Esperanto helpas al perado inter kulturoj. Ĉi tie estas loko nur por veraj fakuloj kaj kapabluloj – kaj ili estas tre malmultaj.

Jen nia E-komunumo. Kelkmilo da mezkapabluloj formantaj sekton kiun ili ne deziras malfermi, por ne perdi sian hipohondran imagitan „mondan" gravecon.

Dankon al la sociologoj kiuj tion malkaŝe montris. Ĉar nur se ni havas la ĝustan diagnozon, ni povas operacii malsanan organon.

Zlatko Tišljar











Pupteatra Internacia Festivalo estas certe unu el la plej grandaj, gravaj kaj kvalitaj kulturaj eventoj en la E-movado. La ĉi jara festivalo okazis inter la 23-a de aŭgusto kaj la 1-a de septembro, ĉefe en Zagrebo kaj Velika Gorica, sed ankaŭ parte en pluraj aliaj urboj (Sisak, Pula, Ljubljana...).

Pupteatroj el 11 landoj: Kanado, Japanio, Francio, Italio, Hispanio, Sovetunio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, Pollando kaj Jugoslavio prezentis 25 diversajn prezentaĵojn pli ol 100 foje. La duono de pupensembloj siajn prezentaĵojn prezentis en la Internacia lingvo kiu ekde la komenco estas oficiala lingvo de la festivalo.

La Infana ĵurio konsistinta el la infanoj-esperantistoj el FR Germanio, Hungario kaj Jugoslavio elektis kiel la plej bonan porinfanan prezentaĵon „Rakontoj de islandaj gigantoj", plenumitan de la Pupteatro „Leikbruduland" el Islando. La Lingva ĵurio premiis la Pupteatron el Wroclaw (Pollando) por la plej bona sceneja Esperanto en la prezentaĵo „Princino Turandot".

Pupteatraj prezentaĵoj ne estas nur por infanoj – tion pruvis ankaŭ ĉi-jare pluraj prezentaĵoj de PIF. La prezentaĵoj de francaj pupistoj kaj aparte „Proceso" de F. Kafka, kiun prezentis pupteatro el Wroclaw kaj „Martin Krpan" de la slovena verkisto F. Levstik, prezentita de la pupteatro el Ljubljana estis altvaloraj surscenigoj por plenkreskuloj. La du laste menciitaj ricevis la unuan premion de la Internacia faka ĵurio.

La festivalo ĉi jare havis grandegan atenton de la ĝenerala publiko. Preskaŭ senescepte ĉiuj urbaj tagĵurnaloj kaj radio-stacioj abunde kaj sinsekve, eĉ en aparte rezervitaj rubrikoj, informis pri la festivalaj okazaĵoj. Gravan atenton al la festivalo donis ankaŭ televido kaj semajn-revuoj.



Kelkaj ĵurnalistoj kritikistoj konsideris ĝin la plej granda kaj plej kvalita urba festivalo. Bedaŭrindas la fakto ke ankaŭ ĉi jare, tiun valoran kaj kvalitan festivalon en kiu Esperanto ĉefrolas, partoprenis vere mizera nombro de eksterlandaj esperantistoj.

Oni esperu ke venontjare, fine de aŭgusto, estu pli da samideanoj, por kunĝui la abundan artan teatran okazaĵon.

SEH
KEL
IS

**SEH—ljeto**

Aktivnost naših esperantista tokom ljeta je bila vrlo bogata. Opširnije o tim aktivnostima je pisano u „Biltenu SEH-a", pa ovdje navodimo samo najvažnije:

— U okviru Zagrebačkog velesajma od 10-17. 05. održana je izložba inovacija u nastavi „Inova" i „Eduka". Uz 30-tak inovacija prikazana je i Zagrebačka metoda učenja esperanta.

— U Političkoj školi SSOH u Fažani od 23-29. 6. 1985. održana je smjena za društvene organizacije, a prisustvovali su joj i aktivisti SEH-a iz Bjelovara, Kutine, Đakova, Rijeke, Splita, Siska, Osijeka, Vrbovca i Varaždina.

— Međunarodni eksperimentalni tečaj esperanta održan je u Grazu (Austrija) od 17-19. 05. 1985., a pohađalo ga je 15-tak polaznika.

— Drugi dio eksperimentalnog tečaja održan je u Rijeci za polaznike iz Austrije i domaćine iz Rijeke od 24-27. 5. 1985. Tečajevi su se odvijali po Zagrebačkoj metodi a vodili su ih nastavnici iz Međunarodnog centra za usluge u kulturi iz Zagreba.

— Naši predstavnici sudjelovali su i na 5. smotri izviđača Hrvatske, koja je održana od 1-10. 7. 1985. na Jarunu u Zagrebu.

— Međunarodna esperantska brigada „Ivo Lola Ribar" iz Siska sudjelovala je u drugoj smjeni SORA „Sava '85".

— U 2. i 4. smjeni u međunarodnom centru Muzičke omladine Hrvatske u Grožnjanu, održani su tečajevi esperanta koje su vodili naši aktivisti.

— Brojni esperantisti, posebno iz Studentskog esperantskog kluba iz Zagreba, su obavili velik dio poslova u pripremi i odvijanju ovogodišnjeg PIF-a.

— 15. 9. 1985. u Zagrebu je održano savjetovanje predsjednika i tajnika esperantskih društava.

— Predstavnici SEH-a kao i brojni drugi esperantisti aktivno su sudjelovali na nizu međunarodnih esperantskih skupova, od kojih je posebno značajno bilo učešće na Svjetskom esperantskom kongresu u Augsburgu, te na Omladinskom kongresu (TEJO), SAT-kongresu itd.

## SKUPŠTINA SEH-a

5. 10. 1985. godine održana je u Zagrebu skupština Saveza za esperanto Hrvatske, na kojoj je raspravljan i prihvaćen srednjoročni plan rada Saveza, te plan rada SEH-a za 1986. godinu, kojeg vam ovdje donosimo:

### PLAN RADA SEH-a ZA 1986. GODINU

1. Pripreme za 1987. godinu
   a) održavanje 2 sjednice Organizacionog odbora i 5 sjednica Izvršnog odbora za 100-godišnjicu
   b) izdavanje studije N. Rašića „Psihološki i sociološki aspekti esperantskog pokreta"
   c) ostalo (raspis natječaja, reklamiranje, dobavka knjiga i materijala za izložbe)

2) Pripreme za sudjelovanje u Univerzijadi
   a) izrada sportskog terminara hrvatsko-esperantskog i esperantsko-hrvatskog
   b) savjetovanje prevodilaca i stručnjaka za izradu detaljnog projekta nužnih radnji u vezi funkcije esperanta kao most-jezika za prevođenje na Univerzijadi
   c) potrebna dopisivanja i kontakti sa stranim prevodiocima i izrada terminara za druge jezike
   d) prevodilački eksperiment na jednom međunarodnom sportskom skupu sa prevođenjem na 5 jezika

3. Međunarodni znanstveni skup „Uloga esperantskog pokreta u borbi za mir" (april, Zagreb)
4. Izložba i serija predavanja „Jezični konflikti kao prijetnja miru — esperantom za mir"
5. PIF (dječji žiri i jezične nagrade)
6. Pomoć IKS-u u izdavanju romana „Na rubu pameti" M. Krleže na esperantu
7. Međunarodni filmski i video-festival, Pula (XI 86)
8. Smotra kulturnog stvaralaštva esperantske omladine, Kumrovec (V 86)
9. Kviz u Đurđevcu (travanj 86), izrada materijala, pripreme, pitanja, nagrade, troškovi puta i boravka sudionika
10. Politička škola SSOH Fažana (troškovi voditelja)
11. Organizacija nastavnika na ORA-ma u SRH
12. Tri seminara za organizacijska pitanja esperantske omladine
13. Jedan seminar za nastavnike esperanta
14. Izdavanje 8 brojeva „Ovo" i ekspeditija
15. Izdavanje 4 broja „Tempo" i ekspeditija
16. Izdavanje 10 brojeva „Biltena SEH-a" i ekspeditija
17. Sportski susreti mladih esperantista, Sisak
18. Materijalni troškovi (prostorije, telefon, PTT, razno)
19. Dnevnice i putni troškovi za sjednice predsjedništva, komisija i skupštine
20. Usluge IKS-a

Plan u ukupnom iznosu obuhvaća oko 10.000.000 dinara prihoda i rashoda.

## OSNOVANO ESPERANTSKO DRUŠTVO U NAŠICAMA

Nakon godinu dana zalaganja i rada Stjepana Vrbošića i grupe entuzijasta iz Našica, ljetos je formiran Inicijativni odbor te pripremljena Osnovačka skupština općinskog esperantskog društva. Skupština je održana 20. 9. 1985. u hotelu „Park" u Našicama, a prisustvovalo joj je više od 120 građana i učenika, te predstavnici društvenih i društveno-političkih organizacija Našica, Saveza za esperanto Hrvatske, Koordinacionog odbora SEH ZO Osijek i esperantskih društava iz Osijeka i Đakova.

Novoosnovano društvo pokrenulo je već i niz aktivnosti od kojih su najznačajnije: iniciranje nastave esperanta u osnovnoj i srednjoj školi (gdje su već provedene ankete među učenicima), te organiziranje 6. susreta esperantista Slavonije i Branje, 12-13. 10. u Našicama.

Ime novog društva je „Suno", a adresa je:

Esperantsko društvo „Suno"
Braće Radića 2
54500 Našice

## IN MEMORIAM

**La 23-an de septembro 1985 en Zagreb forpasis**

### FRANJO VOKOUN

Franjo Vokoun naskiĝis la 3-an de decembro 1909 en Varaĵdin. Popollernejon vizitis en Lipovac kaj en Sremska Mitrovica, tajloran metio ellernis en 1925 en Lipovac. Kiel juna metilernanto en la jaro 1927 laboris en Beograd kie li aliĝis al Progresemaj sindikatoj. En 1929 venis al Zagreb kie li vivis ĝis la lasta tago. Esperantistiĝis en 1933 ĉe turista societo „La Naturamikoj", tuj post fondiĝo de Laborista Esperanto Societo (1934) fariĝis ĝia membro. De 1935 ĝis 1939 partoprenis ĉiujn landajn E-kongresojn kiel oficiala delegito de LES, prezidis konferencojn de laboristaj E-societoj de 1937-1939. En LES li estis sekretario, prezidanto kaj vicprezidanto. Verkis artikolojn kiuj aperis en „Laborista paĝo" de „La Suda Stelo". Post la liberiĝo en 1945 li troviĝas inter la fondintoj de E-societo Zagreb kaj Kroatia Esperanto-Ligo, estis vicprezidanto de JEF, prezidanto de E-societo „Bude Borjan" kaj de KEL. De 1953 prezidanto de ISKKE (Internacia sindikata kontakta komitato esperantista) kaj redaktoro de ĝia bulteno. En 1945 redaktis „La Voĉo de l' Kongreso" eldonita en Zagreb okaze de la 27-a kongreso de SAT en Nancio. En 1953 LKK-ano de la 38-a UK de Esperanto, membro de redakta komitato kaj kunlaboranto de „Homo kaj Kosmo", kunlaboranto de „Voĉo". Pro siaj meritoj ricevis ŝtatan distingon en la jaro 1966.

# KALENDARO

## OKTOBRO

31.10.–3.11. 21-a KATALUNA ESPERANTO-KONGRESO. Informoj kaj aliĝoj: KEA, apartado 32318, Barcelona, Hispanio.

## NOVEMBRO

14-17. KONFERENCO „INTERNACIA LINGVA KOMUNUKADO". Informoj: SSRE, ZSP, Narutowicza 41, PL-90-125 Łodz, Pollando.

28.11.-1.12. FESTIVALO DE AMATORA VIDEO KAJ FILMA KREADO, Pula. Informoj kaj aliĝoj: KEL, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb.

29.11.-1.12. NOVEMBRA JUNULARA FESTIVALO, Ozren. Aliĝkotizo 2.300.- din. Informoj kaj aliĝoj: OK Esperanto-omladine Tuzla, R. Vokića 2, Dom mladih, 75000 Tuzla.

## DECEMBRO

27.12.-4.1.86. 29-a INTERNACIA SEMINARIO, Escwege, FR Germanio. Organizantoj: GEJ kaj GEA. Informoj kaj aliĝoj: Thomas Pusch, Am Schwertberge 23, D-2845 Damme, FR Germanio.



**FESTIVAL AMATERSKOG VIDEO I FILMSKOG STVARALAŠTVA NA ESPERANTU**
**Pula, 28. 11. – 1. 12. 1985.**

Festival će početi okupljanjem sudionika 28. 11. 1985. navečer, a završit će 1. 12. 1985. poslije ručka.

Smještaj u ferijalnom objektu u Puli.

Na festivalu će se prikazivati: dokumentarni filmovi, nastavni, umjetnički, te snimci kazališnih predstava na esperantu.

Tehnike: filmovi super 8 i video-trake VHS sistema.

Prijave za sudjelovanje i prisustvo šaljite na SEH, Amruševa 5/I, Zagreb.

## STUDENTSKI ESPERANTSKI SUSRETI

Studentski esperantski susreti održavaju se ove godine nešto kasnije – od 1. do 3. 11. 1985. u Banja Luci.

Informacije su sigurno stigle i u vaš klub. Ako nisu, za detalje se možete obratiti na adresu:

Opštinska organizacija Saveza esperanto omladine
Borisa Kidriča bb, 78000 Banja Luka

---

**Akvo**
**savinda kaj savenda**

### „AKVO SAVINDA KAJ SAVENDA"

La temo de la 29-a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo kaj Germana Esperanto-Asocio, kiu okazos de la 27-a de decembro 1985 ĝis la 4-a de januaro 1986 en Eschwege, estas „Akvo savinda kaj savenda". Krom la labor parto pri la temo, la junaj kaj mezaĝaj partoprenantoj ĝuos ankaŭ tradician grandan silvestran balon. Aliĝkotizoj (programo kaj komuna loĝado kaj manĝado) varias de 60 ĝis 280 gmk. depende de pagperiodo kaj aĝo. Inf. Thomas Pusch, Am Schwertberge 23, D-2845 Damme, FR Germanio.

### ETNAJ KULTUROJ EN 1986

La 42-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO okazos en la vilaĝo Neurim, 36 km norde de Tel-Aviv (Israelo), de la 14-a ĝis la 21-a de aŭgusto 1986.

La debatoj temos pri „Reviviĝo de lingvoj kaj de etnaj kulturoj en la nova epoko". Inf. J. Šemer, P.O. Kesto 22041 IL-61220 Tel-Aviv, Israelo.

### LA 71-a UK EN ĈINIO

La 71-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en 1986 en Pekino, inter la 26-a de julio kaj la 2-a de aŭgusto. En la nomo de la ĉinaj esperantistoj, s-ro Hujucz, vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Ĉina Popola Kongreso kaj prezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo, bonvenigas gesamideanojn de ĉiuj landoj al la kongreso.

*Gesamideanoj el ĉiuj landoj! Bonvolu veni al Pekino por ĉeesti la universalan kongreson. Mi tutkore petas.*

*Hujucz*

*1985. 2.*

# utile kaj interese

## INTERŜANĜO DE GRUPOJ

Faka mezlernejo kaj instruejo de estontaj faklaboristoj en urbo Gödöllő (apud Budapeŝto), kies junulara organizaĵo portas la nomon de Kálmán Kalocsay, serĉas leterkontakton kun jugoslaviaj mezlernejoj, pri eventuala reciproka vizito por 20-40 membraj grupoj.

Kontaktadreso: Redakcio de BI (p.f. 193, Budapest, H-1368).

## KONTRAŬ LA MALSATO

La monda fonduso de solidareco kontraŭ la malsato estas institucio kreita de la Kongreso de la Popoloj, kaj ĝi havas membrojn el 12 landoj. Ĝia informilo „Monda Solidareco" aperas 4-foje jare en Esperanto kun artikoloj pri la homaj rajtoj, la kooperativa spirito kaj la konkretaj help-projektoj en Meksikio, Brazilo, Bolivio ktp.

Specimena ekzemplero kaj informoj en Esperanto haveblas ĉe „Monda Fonduso de Solidareco kontraŭ la Malsato", 15 rue V. Durey, F-75015 Paris, Francio.

## JUBIELEA UK EN VARSOVIO

La Estraro de UEA dum sia januara kunsido en Roterdamo definitive decidis, ke la Jubilea, 72-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Varsovio. La provizora temo estas „Esperanto – cent jaroj da interkompreniĝo inter kulturoj".

„EL POPOLA ĈINIO" – jedan od najpopularnijih i najčitanijih časopisa na esperantu, koji izlazi u Kini, slavi ove godine 35-godišnjicu redovnog izlaženja.

—

Literarna strana esperanta se sve više uvažava i izučava u znanstvenim krugovima: tako je nedavno gospođa Lloancy doktorirala u Parizu istraživanjem rada francuskog esperantskog pisca Raymonda Schwartza (1894–1973).

—

„KALEVALA" – majstorski prijevod poznatog finskog narodnog epa uskoro će ponovno objaviti: LF–koop, via Pontano 17, I-20122 Milano, Italija.

—

RADIO POLJSKA je tokom posljednjih 26 godina emitirala više od 26000 esperantskih emisija.

—

UNESCO – Izvršni komitet UNESCO-a raspravlja o uvođenju portugalskog kao jednog od službenih jezika uz engleski, arapski, kineski, francuski, hindu, španjolski, talijanski i ruski.

—

Od rujna ove godine još jedna radiostanica emitira emisije na esperantu. To je: Radio International (adresa: P. fako 36, I-37100 Verona, Italio) koja emitira od 2. 9. dva puta tjedno po 10 minuta, ponedjeljkom i četvrtkom u 22,20 (1621 kHz i KV 100.5 i 100.8).

—

Jednu od nagrada poljskog radija za natječaj na temu „Esperanto i turizam" dobio je Antun Kiridžija iz Dubrovnika.



## LA BIBLIOTEKO DE IEMW

La Internacia Esperanto-Muzeo en Wien estas parto de la Aŭstra Nacia Biblioteko, kies celo estas interalie havigi al la publiko la deziratajn librojn! Do, ĝi estas ankaŭ je via servo kaj volonte disponigas al vi sian pruntservon. Se eblas, vizitu nin lunde, merkrede aŭ vendrede de la 9-a ĝis la 15-a horo (krom festotagoj). Ankaŭ se vi loĝas pli fore, vi same povas havigi al vi la necesan legaĵon pere de la internacia pruntedona reto, al kiu ja bibliotekoj en multaj landoj estas aliĝintaj. Iru al iu biblioteko kaj informiĝu pri tiuj eblecoj. Adreso: Internacia Esperanto-Muzeo, Hofburg, A-1010 Wien, Aŭstrio.




## VINTRA E-TURISMO

Feri-eblecoj per Esperanto kreskas kaj kreskas: Se vi skiemas planu jam nun vian vintron. La fervojistoj (IFEF) okazigos „Skisemajnon en Engadin" (informas Gertrud Eggenberger, Wurmbühlstrasse 10, CU-8405 Winterthur, Svisio) kaj Kultura Centro Esperantista proponas tipe vintran feriadon en la bela Juraso (informas KCE, poŝtfako 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svisio).

## FERVOJISTAJ SKI-SEMAJNOJ

Post sukcesa staĝo en Morzine (Francio) kun 80 sportemuloj el 8 nacioj, la 27-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno okazos de la 11-a ĝis la 18-a de januaro 1986 en Sils, apud Saint Moritz (Svislando), ĉe valo de Supra-Engadino. Inf. AFC, 1 bis rue d'Athènnes, F-75009 Paris, Francio.

EVROPSKA ZAJEDNICA

## OTPOR ENGLESKOME

Jasnije nego donedavno nazire se svojevrstan savez Francuske i Italije. Njihovi se predstavnici opiru prevlasti engleskoga jezika u kontaktima između država-članica Evropske zajednice (EZ). Prihvaćanjem Španjolske i Portugala u članstvo EZ ojačala je prisutnost romanskih nacija kojima je engleski tuđ i težak, svakako teži nego Nijemcima i Skandinavcima.

Ove je godine 40 francuskih akademika javno osudilo prodiranje engleskih riječi i naziva u francuski jezik. Duh engleskoga „počeo je kvariti i gramatičke strukture francuskoga". Ljetos se francuskome otporu prodružio jedan manifest talijanskih intelektualaca iz Milana i Rima. Pripadaju ljevici ali njihova argumentacija nije politička koliko kulturološka. Dokazuju da prihvaćanje engleskoga kao službenog jezika unutar EZ ne bi imala drukčiji smisao od prevlasti nad većinom, što bi samo pojačalo ionako negativnu ovisnost na drugim područjima.

Protivnici engleštine u EZ ne teže za multinacionalnim nego za jednim nadnacionalnim jezikom. Talijanski polsanik u Evropskom parlamentu Vincezno Mattina, završava takav stav riječima: — Nedopustiva je pasivnost prema anglofonskoj općoj ofenzivi. Mislim kao i talijanski intelektualci, koji bi prihvatili i jedan sintetički jezik prije nego ih preplavi plima anglizama.

(„Večernji list" 5/6. 10. 1985.)



## „JUNULOJ KAJ ARTO"

„Junuloj kaj arto" estas la temo de tritaga (8–10. X) Esperanto-seminario, kiun organizas Flandra Esperanto-Junularo en Merkenveld (Belgio). Inf.: I. Jacques, Moienstraat 29, B-2018 Antwerpen, Belgio.



## 40 GODINA UJEDINJENIH NARODA

Organizacija Ujedinjenih naroda osnovana je 24. 10. 1945. godine. Taj se dan obilježava kao „Dan Ujedinjenih naroda". Povodom 40-godišnjice održana je i posebna generalna sjednica Konferencije nevladinih organizacija (među kojima je i Svjetski savez za esperanto, UEA) u Ženevi sa temom „Nevladine organizacije i UN – zajedno za bolji svijet".

## GODINA MIRA – 1986.

Organizacija Ujedinjenih naroda je 1986. godinu proglasila Međunarodnom godinom mira. Tim povodom je objavljen i radni plan za obilježavanje 10 nevladinih organizacija pri UNESCO-u, među kojima je i Svjetski savez za esperanto. U siječnju 1986. godine u Ženevi će se održati posebna konferencija nevladinih organizacija o godini mira.

## UNESCO SEMINAR O VIŠEJEZIČNOSTI

Na inicijativu Svjetskog saveza za esperanto (UEA) u sjedištu UNESCO-a u Parizu održat će se od 25–27. 11. 1985. godine seminar „Višejezičnost i komunikacija".



## BRATIMLJENJA

Svjetska esperantska organizacija UEA ponovno svoje članice i udruženja poziva na bratimljenja i bolju suradnju sa zemljama tzv. „trećeg svijeta". Tako su se nedavno pobratimila udruženja Italije i Malte.

## PIERRE DELAIRE

En julio subite mortis en Francio Pierre Dellaire, direktoro de la Centro Esperanto en Orleans, aŭtoro de la libro „Dolĉa Franclando", organizanto de internaciaj Amikec-kongresetoj por esperantistoj kaj granda amiko de jugoslaviaj popoloj – konatulo de multaj niaj geesperantistoj.

## ESPERANTO NA 114 SVEUČILIŠTA

U nedavno objavljenoj brošuri „Službeno stanje u nastavi esperanta u svijetu" koja je objavljena u seriji „Esperanto-dokumentoj" navedene su zakonske mogućnosti nastave esperanta u pojedinim zemljama, te lista sveučilišta na kojima se uči esperanto. Njihov je broj 114 u 23 zemlje svijeta.

## KUTINA – SPLIT

Početkom srpnja 18 članova društva posjetilo je esperantiste grada Splita. To je bila drugarska posjeta starim prijateljima i znancima, a sklopljena su i nova prijateljstva. Priređen je i zabavni program koji je grupa našeg društva dala za domaćine i za građane Splita. Dogovorena je i daljnja suradnja u radu između Kutine i Splita.

## ULICE I TRGOVI ESPERANTA

462 ulice, trga ili spomenika širom svijeta nose ime „Esperanto" ili „Zamenhof". Ovaj podatak je nedavno objavljen u službenoj esperantskoj štampi. Informacije i statistiku o tome prikuplja i vodi Hugo Rollinger, Theresienstr. 23, D-873 Bad Kissingen, SR Njemačka. Ukoliko vi znate za neku takvu ulicu, trg ili spomenik u vašoj okolini, javite ili potaknite takvu inicijativu povodom 100-godišnjice esperanta.




## KNJIŽEVNA TRIBINA U KUTINI

Gradska knjižnica i čitaonica u Kutini posvetila je svoju književnu tribinu 20. 9. 1985. esperantu i esperantskoj književnosti. Domaćin susreta bilo je esperantsko društvo „Nada" iz Kutine. O pisanju na esperantu govorila je povodom svoje knjige „Ombro sur interna pejzaĝo" (Sjena na unutrašnjem pejzažu) Spomenka Štimec iz Zagreba. Prigodni glazbeni program izveli su učenici kutinskih škola.



## SLUŽBENI JEZIK KIBERNETIČARA

Tokom posljednjih godina esperanto se sve češće upotrebljava i u međunarodnoj znanstvenoj suradnji. Tako je nedavno u Budimpešti održana Prva konferencija Svjetskog udruženja kibernetičara i informatičara (TAKIS), pod nazivom INTERKIBERNETIK '85, čiji su službeni jezici bili engleski, francuski i esperanto. Stručnjaci iz 15 zemalja razgovarali su o praktičnim i teoretskim istraživanjima u modernoj kibernetici i informatici. Konstatirano je, između ostalog, da se u svijetu sve više radi na problemu strojnog prevođenja te da se u vezi s tim na području primjene kompjutera u SAD i Evropi najbrže razvija kompjuterska obrada tekstova.

Prof. Chen Yuan, direktor Instituta za primjenu lingvistike kineske Akademije znanosti, je na kraju konferencije rekao: „Ovo je jedinstvena međunarodna znanstvena konferencija koja koristi i esperanto kao jedan od službenih jezika. Iskustva koja smo o tome ovdje stekli neka ponovo uvjere znanstveni svijet da esperanto može služiti kao vrlo efikasno sredstvo sporazumijevanja."



## EKSPOZICIO DE JUNULARA GAZETARO

Okaze de la Internacia Junulara Jaro, Internacia Kultura Servo kaj internacia gazeto por distro kaj amuzo „Ovo" organizos grandan internacian ekspozicion de junularaj kaj porjunularaj gazetoj. La ekspozicio estos malfermita en oktobro en Zagrebo. Oni do petas ĉiujn sendi ekzemplerojn de sia nacilingva junulara gazeto de kiu ajn speco. Por vi ĝi ne estos granda elspezo, por ni grava evento kaj propagandilo. Lastfoje Internacia Kultura Servo el Zagreb organizis similan ekspozicion de naciaj legolibroj el 50 landoj helpe de esperantistoj. La ekspozicio havis grandan reeĥon kaj helpis Esperanton por penetri en lernejojn de Kroatio. La ekspozicio post la prezento en Zagrebo povos migri al aliaj urboj kaj landoj. Jen la adreso: „Ovo" — IKS, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb.

## TUZLA: ODRŽAN MEĐUNARODNI SEMINAR „MLADI I ZADRUGARSTVO"

U Tuzli je od 22-28. 09. 1985. u organizaciji Saveza esperantske omladine Jugoslavije i Svjetskog saveza esperantske omladine, pod pokroviteljstvom Jugoslavenskog odbora za obilježavanje Međunarodne godine omladine i SSOJ-a, održan Međunarodni seminar na temu „Zadrugarstvo u funkciji društveno-ekonomskog razvoja i zapošljavanja mladih".

Na seminaru je konstatirano da važni ekonomski problemi suvremenog svijeta izravno utječu na položaj omladine u pojedinim društvima, posebice pak na njihovo radno angažiranje. Učesnici seminara utvrdili su da pri rješavanju tog problema unapređivanje zadrugarstva među mladima predstavlja latentne mogućnosti za šire zapošljavanje mlade generacije.

Utvrđeno je također, da su esperanto kao međunarodni jezik i esperantske organizacije kao organizatori pružili izuzetno povoljan okvir za efikasno komuniciranje sudionika i za uspješan rad skupa.

Marija Belošević

## RAZGLEDNICE ZA GODINU OMLADINE

Dvije crno-bijele razglednice („Prijatelji" i „Poljubac") sa tekstom na našem jeziku i na esperantu mogu se nabaviti po cijeni od 10.- din: IKS, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb. Najmanja količina pri slanju poštom je 20 komada.)

POLJUBAC

KISO



## BRAZILO

BEJO, Brazila Esperantista Junulara Organizo, kiu fondiĝis en 1967 eldonas du gazetojn: „Momenton!" kiu traktas movadajn temojn kaj „Impulso", kiu estas literatura revuo. Ambaŭ gazetoj rolas kiel movadaj forumoj de la junularo. En Brazilo agas kvar esperantistaj instancoj: BEJO, Brazila Esperanto-Ligo (BEJ), Brazila Konsilantaro de Esperanto (BKE) kaj Kultura Kooperativo de Esperantistoj (KKE). Dum la 8-a BEJK okazonta venontjare en Porto Alegre (Sudbrazilo) estos denove pridiskutata la situacio de la brazila esperanto-movado. Se oni ne alvenos al kontentiga rezulto, oni instigos la ŝtatajn instancojn fondi taŭgan brazilan Esperanto-organizaĵon. (AEK el „Momenton!" 20/1985).

## INTERNACIA RENKONTIĜO DE „FREINET-METODO"

La X-a Internacia Renkontiĝo de esperantistaj „Freinet-movadanoj" okazis en Škofja Loka. Partoprenis 50 personoj el 5 landoj, i.a. okazis kurso por infanoj: ili verkis libertemajn tekstojn, kiujn ili ilustris. Ankaŭ la etuloj ludis kaj kantis sub lerta gvidado de Helena Gente kaj Zsuzsa Csiszar.

## „1000 ŜERCOJ ..."

Esperanto-libro kandidatiĝos por la rekordo-libro de Guinnes: Slavko Šimunić, YU-41000 Zagreb, Creska 18, Jugoslavio planas eldoni „Mil ŝercojn el la tutmondo". La celo: eldoni libron kun mil ŝercoj kaj mil kunlaborantoj. Ŝercemuloj kontaktu s-ron Šimunić.



## FONDITA ESPERANTO-SOCIETO EN KRUŠEVAC

La 20-an de junio 1985 en Kruševac estis fondita Esperanto-societo „Unuiĝintaj Nacioj". La iniciaton de la fondiĝo donis s-ro Momčilo Pavlović. Oni tuj organizis kursojn por komencantoj. Kontaktadreso estas: Momčilo Pavlović, Naselje „14. oktobar" B-2/10, 37000 Kruševac

## KORESPONDU

— 23-jaraĝa pola esperantistino volus korespondi kun geesperantisoj el Jugolsavio pri ĉiuj temoj. Adreso: Barbara Wlodarczyk, Ogrodowa 8, PL-24-200 Belzyce.

— 30-jara pentristo kaj verkisto deziras korespondi kun junaj esperantistoj. Adreso: Guillermo Juan, poŝtfako 57, Guira de Meleva, Havana, Kubo.

— 45-jara elektroinĝeniero ĉe la fervojo, edziĝinta, deziras korespondi pri sia fako, popolkutimoj, kulturo, turismo ktp. Adreso: Achim Meinel, Leninplatz 31, DDR-1017 Berlin.

— 22-jara studento pri litova lingvo kaj literaturo deziras korespondi pri literaturo, teatro, muziko. Adreso: Antanas Gvildys, Revolucijas 21-19, Jurbarkas, Litovio, 234430 Sovetunio.



1887.




1987.

## 100 JAROJ DE ESPERANTA KULTURO

Kiel jam konate, en Zagrebo okazos en aŭgusto 1987 la manifestaĵo „100 jaroj de Esperanta kulturo". Ĝi ampleksos plurajn festivalojn, ekspoziciojn, tagojn de unuopaj kulturoj, prelegojn. En tiu ĉi manifestaĵo oni povos spekti, aŭdi kaj travivi ĉiujn aspektojn de Esperanto-arto.

Kvankam oni povos vidi ekspoziciojn, filmojn kaj teatraĵojn, kaj aŭdi originalajn kanzonojn, tamen la ĉefan stampon donos la prezento de Esperanto kiel pontlingvo inter naciaj kulturoj. Oni planas prezenti la kulturojn de dudeko da malpligrandaj nacioj per Esperanto, kaj tiel montri la gravan rolon de Esperanto por pliproksimigo de la popoloj.

Krome, ĉi tie prezentiĝos festivalo de televida dramo kun esperantaj temoj kaj oni planas ĝis 1987 prepari ankaŭ etan enkondukan TV-kurson de Esperanto.

La okazadoj prezentiĝos en la plej altrangaj ejoj de Zagrebo: Muzea Spaco en la Supra urbo, Salono „Lisinski", Kroatia nacia teatro kaj multaj aliaj.

La plano antaŭvidas ke pluraj aranĝoj okazos dum la tuta jaro, sed la finalo okazos komence de aŭgusto 1987.

Jam estas establita Organiza kaj Plenuma Komitato. UEA fariĝis kunorganizanto pri kio jam estas subskribita kontrakto.

Pri la manifestaĵo traktis respublikaj konferencoj de la Asocio de Socialisma Laboranta Popolo kaj la Respublika Junulara Ligo – akceptinte ĝin.

Aperis ankaŭ bela prospekto en Esperanto, senpage liverebla al kiu ajn E-aranĝo.

Pri tio ni informos la legantojn regule. Ni esperas ke tiutempe ĉiuj jugoslaviaj esperantistoj venos al Zagreb.

Z. T.

# NOVE KNJIGE ///

**ESPERANTO – JEZIK I POKRET.** Prošireno izdanje koje su u suradnji izdali VSSH – Sindikalna škola „Josip Cazi" i Međunarodni centar za usluge u kulturi, donosi vam na 60 stranica teoretske tekstove na hrvatskom jeziku, o povijesti, književnosti i organizaciji pokreta za esperanto, i ujedno je gradivo s kojim bi trebao biti upoznat svaki esperantist već tokom tečajeva. Autori ovog izdanja su Zlatoje Martinov, Nikola Rašić, Spomenka Štimec i Zlatko Tišljar. Cijena: 250.- dinara (25% popusta za najmanje 10 primjeraka).

**39 MODERNAJ POETOJ.** Savez za esperanto Bosne i Hercegovine je nedavno izdao antologiju poslijeratne boasnsko-hercegovačke poezije na esperantu. Antologija obuhvaća 39 pjesnika, a prijevod je napravio Ladislav Režek. Format A-5, 110 str. Cijena: 400.- dinara.

**OMBRO SUR INTERNA PEJZAĜO.** Spomenka Štimec je pisac koji originalno piše na esperantu, a prvo djelo u obliku knjige joj je roman „Ombro sur interna pejzaĝo". Izdavač: „Edistudio", Pisa, Italija. Format: 12,3 x 21,5 cm. 141 str. Cijena: 1950.-

**„OVO"** je međunarodna revija za zabavu i pouku, s mnoštvo zanimljivih tekstova, romanom u nastavcima, stripovima, humorom i još mnogo drugih zanimljivosti. „Ovo" objavljuje tekstove na laganom esperantu, pa je preporučljiv svima onima koji uče ili usavršavaju svoje znanje jezika, te nastavnicima koji ga mogu koristiti kao dodatno gradivo u svojim tečajevima.
Savez za esperanto vas poziva da i vi postanete pretplatnik „Ovo"-a. Cijena pretplate za 1986. je 700.- dinara, a obuhvaća 8 brojeva (2 zadnja broja iz 1985. i 6 brojeva za 1986. godinu).

–oOo–

– Narudžbe za knjige šaljite na adresu: Međunarodni centar za usluge u kulturi
Amruševa 5/I, 41000 Zagreb




## ESPERANTA ANTOLOGIO
### Poemoj 1887–1981

... ĝi pompas kiel esprimil': belsona, fleksebla,
havanta la strukturon de l' genia desegno –
kaj homajn korojn konkeri neniel tro febla.

(Julius Balbin)

ESPERANTA ANTOLOGIO, Poemoj 1887-1981
Redaktis: William Auld
Eldonis: Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam, 1984
Bindita. Paĝoj 887. Formato 22x16. Presita en Ĉinio.
Dua eldono, reviziita kaj kompletigita.

Kun emocio mi tenas enmane ĉi trezoron: la Esperantan Antologion. Ĝi aperis kiel unua libro el la jubilea jarkolekto „Jarcento de Esperanto" eldonata de UEA kaj konsistanta el verkoj, kiuj formas kulturan fundamenton de la Internacia LIngvo.

La unua eldono, eldonita de „Stafeto" antaŭ kvaronjarcento, ampleksis 343 poemojn de 90 aŭtoroj. La nova eldono prezentas 163 poetojn el 35 landoj (inkluzive Peter Peneter kaj Georges E. Maŭra) per 665 poemoj.

Ĉi volumon la redaktinto dediĉis al Prof. Juan Regulo Perez, eldoninto de la unua eldono kaj instiginto de la dua.

La verkoj estas dividitaj en kvar stadioj:

1887-1921 Primitiva romantismo,
1921-1931 Matura romantismo,
1931-1956 Parnasismo
1956-1982 Postparnasismo.

Reviziante la eldonon la redaktoro grave kompletigis ĝin prezentante unuopajn poetojn per novaj poemoj, ŝanĝante aŭ eĉ forigante poemojn kiujn li opiniis malpli gravaj. La poetoj estas prezentitaj per po 1 ĝis 21 poemoj. Ie kaj tie ni emas serĉi en ĝi poemon, kiu stampiĝis en nia memoro ĉe iu literatura konkurso aŭ en beletra revuo, kaj kun bedaŭro ni konstatas ĝian foreston. Sed: kiom da homoj, tiom da preferoj. Ni estimu la selekton de la redaktoro kaj liajn preferojn.

JUGOSLAVOJ EN LA ESPERANTA ANTOLOGIO

En la Antologio Jugoslavion reprezentas 6 poetoj per 9 poemoj: Stevan Ĵivanović (2), Jakobo Ŝtefanĉiĉ (1), Josip Velebit (2), Boĵidar Vanĉik (1), Vesna Skaljer-Race (2) kaj Antonija Albert (1). La valoroj estas malfacile adaptigeblaj. Vane mi sopiris legi en la Antologio pliajn poemojn de Vanĉik,

sendube plej elstara Esperanto-poeto en Jugoslavio ĝis nun. Kun bedaŭro mi sentis la foreston de Greta Stoll, Nedeljka Subotić kaj Zora Heide.

Senkonsidere al tio, la valoro de la „Esperanta Antologio" estas nepritaksebla. Ĝi pruvas la grandon de la Esperanto-kulturo, kiu tutmonde manifestiĝis malgraŭ tiomaj obstakloj eksteraj kaj internaj. La esperantistaro fieru pri ĝi kaj uzu ĝin por pledi pri Esperanto al tiuj kiuj skeptike rigardas al la valoroj de la Esperanta kulturo.

Kun senpacienco ni atendas la anoncitajn: „Novan Esperantan krestomation", novan eldonon de „Enciklopedio de Esperanto" kaj „Antologion de Originala Esperanta Prozo".

Mendoj ĉe: Libroservo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Prezo 60.- gld plus sendokostoj. Rabatoj de unu triono por samtempa mendo de tri ekzempleroj. La membroj de UEA povas ĝin mendi per la ĉefdelegito.

**Lucija Borčić**

Josip VELEBIT

## LA TAGOJ PASAS ...

La tagoj pasas, noktoj pasas,
bild-post-bilde for,
la jaroj korpon, koron ĉasas,
restas nur dolor'.

L' anim' en solo foliumas
ĉi bildlibron nun,
estintan vivon ĝi prilumas
en sol' kaj en kun'.

Junulo, jen, en mondon iras,
pelas lin fisort',
sed ve, ĝendarmo lin retiras:
mankas ja pasport'!

L' alia freŝa cerb' grandplana,
multpromesa knab',
perdis vivon sub sangama,
akra ponard-frap'.

Kaj la knabina korp' lertgesta
vibras en plenlun',
ĝu' danca iĝis malbonŝanca
por ŝi, mortopun'.

Kaj fine kara kap' grizhara
laca pro vivkroz'
kaj ŝia plend' pri viv' amara,
revoj por ripoz'.










Pli valoras tuj ovo, ol poste bovo.